# Konstru-Forumo 23

Julio 2010

Jan Werner, ...@...

## Enkonduke al la 23-a numero

En la Postskribo al la 22-a n-ro de KF mi invitis vin al la prikonsidero de niaj labormetodo kaj celoj – programo, mi uzis la esprimon „strategio“. Al la invito reagis du el vi – la temon mi traktos aparte, legu la titolon „Strategio de Konstru-Forumo“.

En la Enkonduko al la 22-a n-ro de KF mi esprimis mian pravan deziron kaj bezonon: scii, kiu apartenas al „kunlanorantoj de KF“, kies juĝon en la proceso de „solvado de termin-vakaĵoj“ mi atendu kaj respektu. La personoj nomitaj sub A-b) ne reagis, mi do informas la kolegojn J. Brozovsky, J. Halász kaj S. Horváth, ke tiu ĉi KF 23 estas la lasta, kiun mi al ili ekspedas, pro nereago ja evidentas, ke ili ne deziras eĉ legi la dokumenton KF. Por la kontribuoj faritaj en paseo mi al ili dankas.

Pri la ceteraj temoj kaj taskoj menciitaj en la Postskribo al la 22-a numero de KF mi skribos sub sekvantaj apartaj titoloj – rubrikoj.

## La terminaro de F. G. Blázquez – ĉu akvo vadoza – vadosa – enfiltra?

**Claude Longue-Épée** denove konfirmis la preferon de „vadoza akvo“. Koncerne la vidpunkton de interlingvisto-esperantologo li notas: Ambaŭ adjektivoj vadoza kaj vadosa estas memstaraj neologismoj. Eble „vadosa“ estas finfine malpli konfuziga.

**Fabien van Mook**: Ĉe „vadoza“ mi ne tuj pensus pri «abunda je vado» aŭ io simila. Ekzemple, «facil/» ne rilatas al ilo aŭ faco. En PIV 2005 oni listigas entute eĉ ok signifojn aŭ uzojn por la silabo «oz». En iuj okazoj la silabo estas uzata kiel memstara vorto en kunmetaĵo laŭ la tipaj esperantaj vortfaraj reguloj (ekz. ŝton/oz/a = oza (abunda) je ŝtono). En aliaj okazoj ĝi aperas en radiko (ekz. nervoz/a) kaj oni povas ĝin analizi maksimume per la etimologio. En aliaj okazoj la silabo «oz» uziĝas en nomenklaturo, en kiu termino precipe ne estas analizata laŭ la esperantaj vortfaraj reguloj (ekz. tuberkulozo, feroza sulfato, fruktozo, laktozo, glukozo). En la forumo mi iam demandis pri la formo «vadoza», ĉar mi supozas, ke en la naciaj lingvoj, en kiuj oni uzas ĝuste tiun terminon, oni emas prononci «z» anstataŭ «s». Etendi la signifon de «vad/» al «filtriĝi en grundo, roko ktp.» ŝajnas al mi troigo, kaj mi ne ŝatas akcepti tion ĉi. Do, mi sugestas al la forumo, ke ni elektu inter la radikoj «vadoz/» aŭ «vados/». Al mi ne tro gravas, kiun el la du oni elektos. Kompreneble, se iuj opinias «vadoza» ambigua, ni povas elekti la sekuran version «vadosa».

**Rezono de J. Werner**: Oz/a estas neoficiala adjektiva sufiksoido (PAG § 356), ĝi neniukaze estas parto de iu radiko (!). Fabien ĝin mise komparas kun la adjektiva radiko «facil» kaj en ĝi fikcie aperanta kvazaŭsufikso -il. La aŭtoroj de PAG, Kalocsay kaj Waringhien, diras, ke „ĉe adjektivaj kaj verbaj radikoj ĝin anstataŭas **ega** (kuraĝega, ne kuraĝoza)“, sed tiu konstato ne validas ĝenerale. Cetere, ili ne notis devenon de la esperanta sufiksoido -oz, kiu etimologie evoluis el la latina sufikso -os. En KF 21 mi ja diris, ke por esperanta radiko vad’ estas fonto la latina substantivo „vadum“ egala al vadejo, malprofundaĵo, sekve „vad/os/us“ estas „malprofunda“, sed en hidrologio ankaŭ la adjektivo ĉu vadosa, ĉu vadoza. La latina sufikso -os transformiĝis al nia -oz. Fabien kaj Claude rajtas la etimologian fonton ne vidi (ne akcepti), tamen ĝi ekzistas. La sufiksoidon -os Esperanto ne posedas, en la adjektivo «vadosa» ni tial vole-nevole ĝin devus konsideri parto de radiko. Ni fine voĉdonis por la formo «vadoza» kaj tiel ni decidis pri la esperanta sufiksoido -oz ligita al la verba radiko vad’. La realan evolu-vojon ne eblas negi.

Kontribue al la diskuto mi prezentas al vi instruon legitan en la germana verko de Fritz Cl. Werner „Wortelemente lateinisch-griechischer Fachausdrücke in den biologischen Wissenschaften“ (1968): La latina sufikso -os.us adjektivigas substantivan radikon kaj ĝenerale signifas „riĉa je io“ (niakaze: vad/os/us, ~a, ~um = riĉa je vadejoj, malprofunda). En la detala pritrakto la aŭtoro priskribas la uzadon de la adjektiva sufikso -os en la latina kaj aplikadon ankaŭ en la germana lingvoj en la cirkonstancoj esprimeblaj per:

1. Posedo de iu propreco: a) ĉe unuopa karakterizaĵo kiel „ekipita per“; b) ĉe nepreciza nombro kiel „riĉa je“; c) ĉe nedifinita konsiderinda kvanto kiel „plena de“.
2. Posedo de iu aparta biologia specifaĵo en la stato kaj konduto de bestoj.
3. **Simileco**: a) en kvalito, strukturo, konsisto; b) en formo; c) en ĝenerala aspekto, konduto.
4. Aparteno, konekso.
5. Troviĝo, ekzisto dise en ĉiuj sferoj de la vivo.

La skalo de uzeblo de la latina -os estas vere vasta kaj estus eraro en Esperanto la uzon de la parenca -oz limigi nur al la sencoj de: abunda, dona, hava, plena, riĉa. En la angla hidrologia terminaro ekzistas la termino *vadose water* kaj krome tie aperas ankaŭ la sinonimo *groundwater of meteoric origin*. Temas pri la akvo filtriĝinta, sed restanta proksime al la tersurfaco.

Estus eraro la latinon imiti plene, Esperanto ja posedas sian propran teorion de vortfarado. Esperantajn neadjektivajn radikojn ni povas adjektivigi rekte per la proprafunkcia finaĵo -a. Tamen ekzistas subtilaj semantikaj kaj onomasiologiaj rilatoj inter objektoj kaj nomoj, kiam la rekta adjektivigo ne konvenas; ekzemple „vada akvo“ ne estas interligo nocie klara, sed „vadoza (vadosimila) akvo“ jes, interalie pro sia internacia sciencista uzateco. Por Fabien mi aldonas: En tuberkulozo, feroza (sulfato), fruktozo, laktozo, glukozo la silabo „oz“ estas sufiksoido, ne radika morfemo, PAG tion klare montras en § 356, indikante -oz kiel neoficialan sufiksoidon en la medicina kaj ĥemia lingvoj.

## Strategio de Konstru-Forumo

**Claude Longue-Épée** konsideras la praktikatan manieron de diskuta kontaktado kaj de solvado de terminologiaj problemoj en konstrufako kaj parencaj teĥnikoj, sciencoj kaj metioj konvena.

**Fabien van Mook** traktis la temon detale, mi do prezentas lian mesaĝon plene:

La forumo traktas jen unuopajn nociojn kaj terminojn, jen etajn nociarojn. Tiu ĉi labormetodo plaĉas al mi. Ni malrapide progresas, sed ni ne progresu tro haste. Mi pensas, ke multaj kunlaborantoj apenaŭ povas trakti pli grandan aŭ rapidan laboron. Do, mi opinias, ke ni ne sukcesus labori pli rapide aŭ pli multe. Gravas ankaŭ dediĉi tempon al kompilado kaj publikigo de rezultoj. Ĉu en la JK 2010 estas planita resumo de la pri-deciditaj terminoj el KF?

Krome, ankoraŭ ekzistas pluraj projektoj, kiuj ne finiĝis aŭ bezonas rekonsideron (kvazaŭ renovigon), ekzemple:

- La temo 30 (kanalizacio). Tiu temo devos esti traktata de «veraj» fakuloj. Poste ĝi revenos al ni, kaj indas publikigi pri ĝi.
- La betonterminaro. József Halász aldonis difinojn kaj tradukojn en aliaj lingvoj. Indas eble, ke la tuta KF relegu la tutan terminaron por plibonigoj. Poste eblos reeldono en pli ampleksa formo (almenaŭ kun pli da lingvoj).
- PIV. Kiam ni havos la elektronikan liston de la vortoj pri konstruado kaj parencaj fakoj, ni povos trakti vorton post vorto, aŭ parencajn vortojn post sistemigo aŭ grupigo, same kiel ni kutime faras en KF. La listo do simple estu instigo kaj inspiro.
- Nova bildvortaro. Simile kiel pri PIV.
- Pri tegmentoj kaj ĉarpentaĵoj. De Pierre Grollemund ni havas diversan materialon, kiu devos esti sistemigata kaj traktata.

Mi opinias, ke per tiuj laboroj, kune kun la necesaj publikigoj, ni jam povos dediĉi nian tempon preskaŭ plene. Krome, la precipo de la supre menciitaj temoj estas tipe el la konstruteĥnika fako; pri tiuj temoj ni ĉiuj povos kontribui. Eble mi ne esprimas veran strategion, sed ion praktikan.

Kvankam mi estas baze konstruisto, mi profesie kaj iom hobie laboras pri konstrufiziko. Pri tio ĉi mi havas kelkajn (nefinitajn) projektojn: pri varmo kaj pri ventolado, kaj (kune kun Jan) pri humido. Mi volas plu labori pri ili, kvankam estas malfacile trovi kundiskutantojn sufiĉe spertajn.

Mi konsentas kun via instigo «legu, verku, traduku kaj trovu vakaĵojn». Sed honeste mi diras, ke mi malmultege legas ekster mia fako (konstrufiziko). Mi ne havas pli da tempo. Vakaĵojn mi jam provos plenigi per miaj ĵus menciitaj projektoj.

**Resumo de J. Werner**: Ambaŭ kontribuintoj esprimis kontenton pri la aktuala administrado de nia forumo. Neniu renversa ŝanĝo do estas bezonata. La kontribuon de Fabien mi vidas utila pri ties amplekso kaj mi la unuopajn punktojn komentas:

- Publikigo de la rezultoj jam atingitaj: Mi provas formuli la interkonsentitajn terminojn por la Jarkolekto de TAKE 2010. La ampleksan supervidon (se mi sukcesos) ricevos ĉiu membro de TAKE, la nemembroj povos la kolekton mendi ĉe TAKE aŭ postuli retan alsendon ĉe mi.
- Prilabori la temon 30 pri kanalizacio por konsulto ĉe specialistoj (prof. Witold Stępniewski, Volker Hank) estas nia plano. La posta aperigo de baza terminaron pri kanalizacio, ĉu aparte, ĉu ekzemple kadre de la Jarkolekto de TAKE 2011, estus dezirinda. Ĉu ni trovos estron de la aŭtora kolektivo?
- Betonterminaro (eld. 2002) povus esti reviziita, kompletigita per aliaj lingvoj kaj reeldonita, sed nunjare por tio mankas labor-kapacito, eble en 2011. Rim.: Inĝ. J. Halász bedaŭrinde ĉesis kunlabori.
- PIV: Laŭ la informo de M. Duc Goninaz, elektronika listo de konstrufakaj terminoj ne esztas je dispono. Ni devos mem foliumi kaj kontroli la terminojn. Ni dividu la laboron laŭ ABC-literoj.
- Esperanta Bildvortaro – legu pri la temo en tiu ĉi numero de KF. La unuan parton mi envicigas.

- Tegmentoj kaj ĉarpentaĵoj. Nepre temas pri minimume du memstaraj temoj: 1. Tegmentaj ĉarpentaĵoj, 2. Tegmentoj (eble solvotaj aparte la oblikvaj kaj la plataj tegmentoj, ĉar ili grave diferencas). Ankaŭ tiu ĉi temo bezonus estron de la aŭtora kolektivo, fakte aŭtoron.
- Konstrufiziko – la temo de Fabien – espereble li finlaboros la terminaron pri ventolado, poste povos sekvi la temo pri varmo aŭ humido. Por la kunlaboro ni akiru novajn spertajn fakulojn.
- Mi aldonas, ke jam en 2009 mi komencis prilabori la temon „ladista metio“, nun somere mi volas la kompiladon rekomenci kaj aŭtune 2010 ĝin publike prezenti.
- Fabien prave subtenas mian alvokon al ĉiuj: «legu, verku, traduku kaj trovadu terminologiajn vakaĵojn!» Esperanto estas tre subevoluinta precipe en la fakoj kaj metioj teĥnikaj, la institucioj kiel UEA, AdE, ISAE, SAT k.a. por la faklingva progreso faras nenion. En tiu situacio gravas nia modesta klopodo.

Vera strategio meritas ankaŭ partojn sociologian, politologian, esperantologian, sed por formuli tezojn por tiuflanka disvolvo de nia forumo superas niajn fortojn. Provizore ni restu ĉe la programo, kiun skizis Fabien, kiu estas orientita al nia praktika agado. Plu atendataj estas komentoj de la ceteraj KF-anoj!

## Kontaktoj

**Jozefo Horváth** (HU) espereble fariĝos nia kunlaboranto minimume dum la traktado pri la konstrufakaj bildkompleksoj DUDEN por la nova versio de Esperanta Bildvortaro.

**Fabien van Mook** alparolis 18 fizikistojn pro la kunagado en la temo varmoteĥniko. Provizore respondis nur ok el ili, sed nur du pozitive (Lars Sözüer kaj Hans Kasselmann el Germanio). Krom tiu grupo li provas organizi tiuteman kunlaboron kun Uwe Stecher (AT), Ferenc Harnyos (HU), Rajani Bhattarai, plian kontakton peris la sekretario de TAKE, Edmond Ludwig.

Al Jan Werner junie mesaĝis **Ludovikido Zizi** (RU): …finfine mi trovis novan laboron, mi eklaboros kiel elektristo en la produktejo de maŝinoj por nafta industrio en Baŝkirio. Mi esperas, ke baldaŭ al mi revenos financa stabileco kaj mi povos komunikiĝi kun miaj ret-korespondantoj. Amike gazizi

**Cyrille Hurstel** en KF 22 miskomprenis mian kritikon koncerne lian tradukon de ISO 9000 kaj komprenis ĝin atako. Li mesaĝis al mi (13.5.2010): „Estimata sinjoro, evidente restis kaj restas malglataĵoj en la proponita teksto! Evidente „rendimento“ estas facila vorto kiu ekzistas de jardekoj. Se mi proponas „efikrendimento“, estas ĝuste, ĉar temas pri alia nocio. Estas eble nuanco, kiun vi ne komprenas. En la franca temas pri du vortoj, kiuj tute ne havas la saman sencon, „**rendement**“ kaj „**efficience“**. Tiu ĉi lasta vorto aperis pro la angla, kaj plejmulto de la uzantoj konfuziĝas kun „efficacité“. Ankaŭ en la angla oni renkontas misuzon de „efficiency“ kaj „effictiveness“! Kaj tio ne estas „yield“... Mi ne scias, al kiu vi disvastigis la ideon, ke mi estas „bedaŭrinda amatoro“, sed tian insulton mi neniam ricevis. Mi ne dankas vin pro via malhelpo. Tion mi ne nomas KUNlaboro. Furioze salutas vin, Cyrille Hurstel.“

**WE**: Mi ne nomis la tradukinton „bedaŭrinda amatoro“, sed la tradukon mi taksis kiel produkton de bedaŭrinda amatorismo, montrante plurajn lingvajn misformojn. La bezonata distingado de „rendimento“ kaj „efikeco“ apenaŭ pravigas ilian „kunjungon“ al „efikrendimento“.

**Zlatko Hinšt** elektronike sendis al mi la gazeton *Internacia Fervojisto* (IFEF) 4-5/2010. Koran dankon! La gazeton mi ofertas sendi rete al KF-anoj.

## Jarkolekto de TAKE 2010

Redaktitaj kaj paĝigitaj estas tri kontribuaĵoj:
Václav Cílek (CZ): Malpliiĝado de la mondo; traduko de J. Werner, 2 paĝoj A5.
Franc Maleiner (SI): Lagunaj purigejoj; traduko de Đ. Obradović, 17 paĝoj A5.
Jan Werner (CZ): Radiadŝirmaj betonoj en nukleenergiaj centraloj; 9 paĝoj A5.

Atendataj estas artikoloj de Fabien van Mook, Rémy Bouchet kaj Shen Chengru. Neniu alia ofertis verketon pri sia profesio, bedaŭrinde! Mi (JW) kiel responda redaktoro intencas resumi niajn terminologiajn atingaĵojn en la tempo 2004-2010. La supervido de interkonsentitaj terminoj enhavos ankaŭ la difinojn.

## Ni solvas konstru-vakaĵojn

**La temo 30 – kanalizacio**. Laŭ la instigo en KF 22 nia kolego Đorđe Obradović kompletigis sian kontribuon pri kanalizaciaj ŝaktoj. Mi prezentas lian tekston:

Kanalizaciaj retoj konsistas el kanaloj (tuboj), kiuj kuniĝas en difinitaj punktoj. En tiuj nodoj oni konstruas apartajn konstruktojn – **ŝaktojn**, kiuj ebligas kunligon de diversaj kanaloj.

La **ŝaktoj** estas konstruktoj kun vertikalaj vandoj, kiuj ebligas diversspecajn funkciojn ĉe kunigo de opaj kanaloj. Kutime ili havas kvarangulan aŭ rondan horizontalan sekcon, fermitan fundon, aŭ estas sen ĝi. Supre ili havas kutime ŝtalan kovraĵon, kiu rezistas al respektivaj ŝarĝoj: de ŝutmaterialoj aŭ veturiloj. Ŝaktoj povus esti faritaj el diversaj materialoj: betono, masonitaj el brikoj kun surfaco tegita per cementa mortero, el plastoj, prefabrikitaj el betono.

Laŭ la destino oni povas dividi ilin al kelkaj grupoj:

1. **Kontrola ŝakto** servas por kontroli trafluon de la akvo kaj eventuale por purigado de la tuboj (kanaloj).
2. **Kolekta ŝakto** situas en lokoj kie kuniĝas du aŭ pli da kanaloj kaj daŭrigas per unu pli granda kanalo. Ne miksu ĝin kun kolekta (ĉefa) kanalo ĉe la fino de kanalizacia reto.
3. **Divida ŝakto** situas en lokoj, kie oni dividas unu kanalon al pluraj. Oni uzas ĝin por konduki alvenantan akvon al kelkaj sinkoŝaktoj.
4. **Malŝarĝiga ŝakto** situas en loko, kie oni separas alvenantan kanalon al du sekvantaj. Kutime la malpli granda kanalo transprenas tre malpuran akvon al plua kanalizado, kaj pli granda kanalo forkondukas ne tiom malpuran akvon al recipiento. Tio okazas nur dum la pluva periodo. Tiu ŝakto reduktas ŝarĝon de la kanalo.
5. **Sifona ŝakto** servas por konduki kanalon sub la akva fluo, rivereto aŭ malfermita kanalo. Oni bezonas tian ŝakton ĉe ambaŭ flankoj de la fluo, kiun la kanalo subiras.

Kelkaj aliaj kanalizaciaj objektoj:

A. **Retenaj basenoj** (fermitaj kaj malfermitaj) servas por faciligi forfluon de la akvo dum la grandaj pluvoj. Ili plenas nur post grandaj precipitaĵoj, post ioma tempo la akvo forfluas.
B. **Sinkoŝakto** estas cilindra konstrukto simila al puto sen fundo, profundaj estas ĝis la ensorbiva tavolo de la grundo. Parte estas plenigita per filtraj tavoloj, ĉe la supro estas malplena spaco por la alvenanta pluvakvo kaj kontrolo.
C. **Lagunoj** estas konstruobjektoj – malprofundaj sedimentaj basenoj kun deklivaj, kutime argilaj randoj, en kiuj malpura akvo el fabrikoj aŭ bredejoj restas dum iu tempo. Dum tiu tempo la solidaj eroj sedimentas sur la fundo kaj la organika parto putras, kio faciligas la pluan procedon de purigado.
D. **Por malrapidigo de fluo** en kanaloj oni konstruas apartajn **ŝaktojn** kun maŝin-instalaĵo, kiu moderigas la rapidecon de la fluo.
E. **Elflua konstrukto – elfluilo** – servas por protekti la bordon de recipiento kontraŭ detruo flanke de la akvo elfluanta el kanalo.

Oni devas aldoni ankaŭ objektojn, kiuj servas por malŝarĝi kanalizacion de la materioj, kiuj povus damaĝi ĝin:

I. **Sablokaptilo** servas por separi la sablon kiu povas ŝtopi kanalojn. Ekzistas: **domaj, strataj kaj fina** sablokaptiloj (antaŭ enfluo al recipiento).
II. **Oleokaptilo** por separi **pezajn** kaj **malpezajn oleojn.**
III. **Detergentokaptilo** por separi detergentojn el la akvo uzita en laborejoj kaj industrio.
IV. **Neŭtraligaj ŝaktoj** por kapti kaj separi kemiaĵojn el la akvo uzita en diversaj kemiaj laboratorioj, lavestabloj, frizistaj salonoj kaj aliaj malgrandaj metiejoj. Grandaj fabrikoj devas prizorgi siajn rubakvojn antaux ellaso.

**La temo 32 – taluso, talusi**. **Fabien van Mook** al la temo pri la verbigo de substantivoj: …mi ne akceptas, ke en terminaro oni elektas aŭ mencias nur unu el eblaj signifoj, kvazaŭ aliaj ne ĝustus. **WE**: En terminaro oni ne listigas signifojn, sed nociojn. Ĉiu nocio havas unu signifon, pli aŭ malpli vastan, kaj unu nomon – terminon. En terminaro ne estu loko por nomo (termino) kun pli da signifoj en la sama fako. Talusi en PIV (2005) havas du signifojn: **1**. konstrui taluson, **2**. doni al (…) oblikvan klinon rilate la horizontalon. La 1-a signifo estas ebla, la 2-a estas malĝusta. Laŭ la analizo farita en KF 22 ni povas konsideri la eventojn 2 (provizi per) kaj 3 (agi karakterizate de; produkti). Tamen la verbigo estas sence svaga, elastsenca, estas pli-malpli necese la verbon talusi rifuzi kiel terminon. La faka lingvo ja devas esti neambigua, krome ekzistas tiom natura kaj klara esprimo: **konstrui taluson**.

Pri la sama temo **Claude Long-Épée** el 2010-05-10: talusi miainterprete estas verbo transitiva, signifanta „provizi (ion) per taluso“ (kriterio eltirita el PAG). **WE**: Mi ne komprenas, kion vi imagas provizi per taluso? La nocion taluso ni nepre ne konsideras deklivo laŭ la reviziita PIV. Talusi taluson (PIV) ja estas sensencaĵo. Talusi ŝoseon aŭ fervojon ankaŭ. Kion do provizi per taluso?

**Nova temo 34 – bazaj karbominejaj nocioj** (iniciato de P. Grollemund laŭ lia traduko pri la franca karbominejo Couriot). Ankaŭ karbominejo ja estas konstruaĵo, tial mi envicigas kiel novan temon kelkajn nociojn, kiuj ne estas ĝenerale konataj, kvankam pri kelkaj oni povas legi en PIV sub min/o, la paĝo 743 enhavas eĉ bildon. La terminojn mi konsultis ankaŭ kun V. Kočvara (CZ), specialisto pri karbomineja teĥnologio kaj maŝinaro. La sekvantajn substrekitajn (!) terminojn prijuĝu kaj informu min pri via starpunkto:

**galerio** (mineja galerio) – proksimume horizontala longa mineja tunelo kun nur ioma kliniĝo por faciligi defluigon de akvo kaj transporton de minaĵo. Galerioj atingeblas el ↓kargejo, la ekspluatado okazas ĉe la ↓minfronto (PIV: karbofronto). Laŭ la funkcio estas galerioj ekspluataj, transportaj kun etspura trako, ventolaj ka. La plafonon kaj la flankojn de galerio subtenas ligna aŭ ŝtala ↓ŝtrebaro.

**<u>kargejo</u>** – vastigita spaco en ĉiu minetaĝo antaŭ ŝaktoliftoj, loko por eliro kaj eniro de ministoj kaj loko por surtraka manovrado kun karboĉaroj, kie estas malplenaj ĉaroj kuplataj al vagonaraj kompletoj antaŭ la eniro en galerion. <u>Ekvivalentoj</u>: (de) *Auschlag|kammer*, *~ort*, *~punkt*, *Füllort*; supre: *Hängebank*; (en) *[shaft]station*, *[shaft]landing*, ĉe la fundo: *pit bottom*, *bottom landing*; (fr) *gare de recette*, (pl) *podszybie*, (cs) *náraží*, *naraziště*; rim.: V. Kočvara rekomendis la terminon „trakejo“, ĉar en tiu spaco koncentriĝas la trakoj apud la ŝarĝolifto, en kies kaĝon oni puŝas plenajn karboĉarojn kaj eltiras ilin malplenaj.

**minejo** – (laŭ PIV) tuto de la instalaĵoj, minfosoj, galerioj kaj dependaĵoj, faritaj por la ekspluatado de la minaĵo. Aldonendaj estas: ŝaktoj, liftoj, karbolavejo kaj gradigejo, gangoŝutejo k.a.

**<u>minetaĝo</u>** – etaĝo de minejo, kiu estas rezulto de dispartigo de la karbokuŝejo laŭ la karbotavoloj en vertikala direkto; en ĝi koncentriĝas la minado kaj transporto al la ŝakto kun liftoj kaj kargejo. <u>Ekvivalentoj</u>: (de) *Abbausohle*, *Bausohle*, *Abbauhorizont*, *Bauhorizont*, *Fördersohle*. (en) *haulage level*, (fr) *niveau d’extraction*, (pl) *piętro*; *poziom*, (cs) *těžné patro*.

**<u>minfronto</u>** – labora ekstremo de ekspluata galerio, kie okazas la minado, mana kaj hakmaŝina. <u>Ekvivalentoj</u>: (de) *Ortsbrust, Ortsstoß*, *Stirn*, *Abbaustoß*; (en) *drifting face*, *production heading*; (fr) *front, chantier*; (pl) *przodek*, (cs) *čelba*, *předek*.

**ŝakto** (ĉefa ŝakto) – vertikala tubosimila vojo por transporto de elfosita (elminita) karbo el minetaĝoj al supra tereno por plua traktado (lavado, gradigo, deponado), ankaŭ por veturigo de ministoj kaj de ekspluataj materialoj; speciala ŝakto estas la ventola.

**<u>ŝaktobuŝo</u>** – supra aperturo de ŝakto, konstrue firmigita kaj levita super terenon, por ke la surteraj akvoj ne povu enflui la ŝakton eĉ dum okaza inundo; ĝi estas ekipita per ŝtala „pordo“, kiu estas kontraŭfume fermebla okaze de surtera incendio. <u>Ekvivalentoj</u>: (de) *Schacht kranz*, *Schachtmündung*; (en) *pit bank*; (fr) *carreau de mine*, *oriffice de puits*; (pl) *wylot szybu*, *zręb szybu*; (cs) *ohlubeň jámy*.

**<u>ŝaktoturo</u>** – ŝtala aŭ ŝtalbetona (rare ligna) konstruaĵo starigita super la buŝo de ŝakto. Ĝi konsistas el stablo, en kiu estas fiksitaj gvidreloj por la kaĝo de liftoj, supre ŝnurradoj, trans kiuj estas gvidataj la levŝnuroj unuekstreme ligitaj al kaĝo, duaekstreme al la tamburo de liftmaŝino. La stablo direkte al la liftmaŝino estas ekipita per ŝtreboj; ĉe la modernaj ŝaktoturoj estas liftmaŝino lokita rekte en la ŝaktoturo. <u>Ekvivalentoj</u>: (de) *Förderturm*; (en) *head frame*; (fr) *tour d’extraction*, (pl) *wieża szybowa*; (cs) *těžní věž*.

**<u>ŝtrebaro</u>** – subtena armaĵo de mineja vorko, precipe de galerioj, per lignaj aŭ ŝtalaj elementoj: fostoj, ŝtreboj, disapogiloj, balkoj, ŝpaloj, kverframoj. <u>Ekvivalentoj</u>: (de) *Stollenzimmerung*; (en) *timbering*, *lagging*, *timber support*; (fr) *boisage*, (pl) *obudowa*; (cs) *výdřeva*. – Rim.: En PIV estas „subtena trabaro“.

**<u>Nova temo 35 – Bildvortaro Duden – 271 Konstruejo I</u>**

Mi akceptas la iniciaton de Jozefo Horváth (HU) kaj invitas vin al komuna juĝado pri lia nova versio de la konstrufakaj enciklopediaj bildkompleksoj (bildaroj Duden) en Esperanto. La germanan originalon jam tradukis kanadano Rüdiger Eichholz kaj libroforme ĝin aperigis en la jaro 1988 sub la nomo Esperanta Bildvortaro (880 paĝoj). La verko estas popularscienca, la esperanta versio ne ĉiam fidinda, ĉar la tradukinto Eichholz estis laiko, kiu ne ĉiam obeis la konsilojn de fakuloj.

La konstrufakaj bildaroj disponigitaj al ni de J. Horváth estas ses: 271 Konstruejo I, 272 Konstruejo II, 273 Ĉarpentisto, 274 Tegmento, ligno-interligoj, 275 Tegmento kaj tegmentisto, 276 Planko, plafono, ŝtuparo. Mi ankoraŭ aldonus laŭ la versio de R. E.: 39 Domoj kaj domtipoj, 40 Tegmento kaj hejtejo, 315-319 Arto I, II, II, IV, V; sume ni prijuĝadus 13 bildarojn, en ĉiu numero de KF unu tem-kompleson. Se mi sukcesos regule aperigadi KF en dumonata ritmo, ni finos la serion en julio 2012. **Kion vi opinias pri la plano?** La planon mi konsideras ambicia, sed konsciu, ke la verko ne estas strikte scienca, ke la „terminoj“ celas laikan publikon. Tiukaze ĉiu en nia forumo estas kapabla (?) prijuĝi la proponojn de Eichholz, Horváth kaj Werner, el ili unun elekti, aŭ proponi sian preferatan tradukon por la germana originala nomo, kiun mi ĉiam metos en la duan kolumnon, tuj post la numeron.

Mi scias, ke la metodo ne respondas al la sistemaj terminologiaj principoj, sed por la aktuala stato de la konstrufaka leksiko en Esperanto ankaŭ tiu nia kontribuo estos utila: ni provos racie trakti la terminojn jam foje publice lanĉitajn kaj al la esperantista publiko rekomendi nian seriozan elekton.

Jen estas la unua bildaro: **271 Konstruejo I**. Estas grave, ke vi unue ĝuste konsciu la signifon de la **desegnaĵo** kaj de la origina **germana termino** kaj nur poste elektu aŭ proponu **veran** ekvivalenton, nepre ne nomon de objekto forme kaj funkcie alispeca. Klopodu formi terminojn koncizajn, memoru, ke longaj pri skribaj „nomoj“ ne estas terminoj, sed terminologie nekonvenaj „priskribaj vortgrupoj“, neoperacieblaj ĉe plua derivado kaj komplikantaj senperan komprenon en sintaksaj literaturaj aplikoj. En ortangulajn krampojn metu ellaseblajn partojn de termino, en rondajn krampojn eventualan eksplikon.

Bonvolu nun, ĝis la fino de aŭgusto 2010, pritrakti la tutan bildkomplekson, sciu, ke en ĉiu sekvonta KF aperos nova bildkomplekso, kiel mi pri tio menciis supre, entute 13 temoj.



| N-o | Originalo DUDEN | Rüdiger Eichholz | József Horváth | Jan Werner | ĉeĥa ekvivalento |
|---|---|---|---|---|---|
| **---** | **r Rohbau** | **primara konstrua-do** | **murpreta domo** | **kruda vorko** | **hrubá stavba** |
| 1 | s Kellergeschoss (s Souterrain) | subter-etaĝo (kel-etaĝo) | keletaĝo | subtera etaĝo, keletaĝo | suterén |
| 2 | r Betonsockel | grund-muro | betona grundmuro | betona soklo | betonový sokl |
| 3 | s Kellerfenster | kel-fenestro | kelluko | kelfenestro | suterénní okno |

| | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|
| 4 | e Kelleraußentreppe | ekstera kel-ŝtuparo | ekstera kelŝtuparo | ekstera kelŝtuparo | vnější schodiště do sklepa |
| 5 | s Waschkü-chenfenster | laveja fenestro | fenestro de lavejo | laveja fenestro | okno prádelny |
| 6 | s Waschküchentür | laveja pordo | kelpordo | laveja pordo | dveře do prádelny |
| 7 | s Erdgeschoss | ter-etaĝo (partero) | teretaĝo | teretaĝo, unua su-pertera etaĝo* | přízemí, 1. nadzemní podlaží |
| 8 | e Ziegelsteinwand (e Backsteinwand) | brik-muro | brikmuro | brika muro | cihelná zeď |
| 9 | r Fenstersturz | fenestra [brik]-lintelo | fenestra lintelo | fenestra lintelo | nadokenní překlad |
| 10 | e äußere Fensterlei-bung | ekstera mur-rando de fenestra aperturo | ekstera rando de fenestroembrazuro | ekstera embrazuro [de fenestro] | vnější ostění |
| 11 | e innere Fensterlei-bung | interna mur-rando de fenestra aperturo | interna rando de fenestroembrazuro | interna embrazuro [de fenestro] | vnitřní ostění |
| 12 | e Fenstersohlbank | fenestra sojlo | fenestrosojlo, kubu-tilo | fenestra breto | parapetní vnější deska |
| 13 | r Stahlbetonsturz | ŝtal-betona lintelo | ŝtalbetona lintelo | ŝtalbetona lintelo | překlad ze železobe-tonu |
| 14 | s 1. Obergeschoss | supra etaĝo | etaĝo | dua [supertera] etaĝo* | 1. patro, 2. nadzemní podlaží |
| 15 | e Hohlblockstein-wand | muro el kavaj be-tonŝtonoj | kavobrika muro | muro el kavaj ma-sonblokoj | zeď z tvárnic |
| 16 | e Massivdecke | masiva plafono | masiva plafono | masiva tekto* | masivní strop |
| 17 | s Bockgerüst | labor-platformo | laborpodio | boka skafaldo | kozové lešení |
| 18 | r Maurer | masonisto | masonisto | masonisto | zedník |
| 19 | r Hilfsarbeiter | morter-portisto (ma-son-helpisto) < help-laboristo | masonhelpisto | helplaboristo | pomocný zedník |
| 20 | r Mörtelkasten | morter-trogo | mortertrogo | morter\|trogo, ~ujo | truhlík na maltu, kalfas |
| 21 | r Schornstein | [endoma] kamen-tubo | kamentubo | kamentubo | komín |
| 22 | e Treppenhausab-deckung | kovraĵo super ŝtu-par-ŝakto | kovrilo super ŝtu-parŝakto | kovraĵo de ŝtupar\|ejo, ~spaco | zakrytí schodiště |
| 23 | e Gerüststange | skafaldo-fosto | skafaldofosto | skafalda fosto | štenýř |
| 24 | e Brüstungsstreiche | gard-relo | sekurlato, gardrelo | gardorelo | [ochranné] zábradlí |
| 25 | e Windstrebe | ŝtrebo (kontraŭa-pogilo) | ŝtrebo, kontraŭa-pogilo | ventoŝtrebo | zavětrování |
| 26 | e Streichstange | port-stango [portas la ŝpalojn] | portostango | longverso** | podélník |
| 27 | r Gerüsthebel | skafaldo-ŝpalo | skafaldoŝpalo | traverso** | příčník |
| 28 | r Bohlenbelag | skafalda planko < tabul-platformo | skafaldoplanko | dila planko [de skafaldo] | fošnová podlaha |
| 29 | e Bordbrett, s Sockelschutzbrett | [baza] gard-tabulo | planka sekurlato aŭ gardrelo | planka sekurbreto | ochranné prkno (za-rážka) |
| 30 | r Gerüstknoten | kunligo [per ĉeno aŭ krampo] | skafaldonodo kun ĉena aŭ ŝnura ligaĵo | nodo de skafaldo | lešeňový styčník |
| 31 | r Bauaufzug | ŝarĝ-lifto | konstrueja lifto | konstrueja lifto | stavební výtah |
| 32 | r Maschinist | cement-miksisto | maŝinisto | maŝinisto | obsluha stroje |
| 33 | r Betonmisch-maschine | miks-maŝino por ce-mento | betonmiksilo, ĉi tie: liberfala miksilo | betonmiksilo* | míchačka na beton |
| 34 | e Mischtrommel | miks-tamburo (cement-miksilo) | mikstamburo | mikstamburo* | mísicí buben |
| 35 | r Aufgabekasten | ŝarĝ-kesto (ŝut-kesto) | nutra kesto | ŝutkesto | násypka |
| 36 | e Zuschlagstoffe | volumenizaj materi- | aldonaĵoj (sablo, | volumenaĵo* | kamenivo |

| | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|
| | | aloj [sablo, gruzo] | ŝtonetoj) | (ŝtonaro) | |
| 37 | e Schubkarre | ĉarumo | ĉarumo | ĉarumo | kolečko |
| 38 | r Wasserschlauch | akvo-hoso | akvohoso | akvohoso | hadice na vodu |
| 39 | e Mörtelpfanne (e Speispfanne) | trogo por morter-preparo | mortermiksujo, mortermiksa trogo | mortermiksujo, mortermiksa trogo | korba na míchání malty |
| 40 | r Steinstapel | brik-stako | brikostako | stako de ma-sonblokoj | skládka tvárnic |
| 41 | s gestapelte Schalholz | stakigitaj ŝelaĵ-tabuloj | stakigitaj ŝe-laĵtabuloj | stakigita ŝelaĵ-ligno | hranice dřeva na bednění |
| 42 | e Leiter | eskalo (ŝtupetaro) | eskalo, ŝtupetaro | eskalo | žebřík |
| 43 | r Sack Zement | sako da cemento | cementosako | sako da cemento | pytel cementu |
| 44 | r Bauzaun | barilo ĉirkaŭ kon-struejo [tabul-barilo] | konstrueja barilo, tabulbarilo | konstrueja barilo | oplocení staveniště |
| 45 | e Reklamefläche | afiŝ-tabulo (avizo-tabulo) | afiŝtabulo, reklam-tabulo | reklamtabulo | plocha pro reklamu |
| 46 | s aushängbare Tor | forigebla baril-peco | ellevebla pordego | demetebla pordego | vyjímatelná vrata |
| 47 | e Firmenschilder | nom-tabularo de la konstru-firmaoj | informŝildo de la konstruisto | firmoŝildo | firemní štít |
| 48 | e Baubude (e Baubaracke) | konstru-budo | konstrueja budo | konstrueja barako | staveništní bouda |
| 49 | r Baustellenabort | konstrueja necesejo | konstrueja necesejo | konstrueja necesejo | staveništní záchod |
| **---** | **s Maurerwerkzeug** | **masoniloj** | **masonistaj instru-mentoj** | **masonista ilaro** | **zednické nářadí** |
| 50 | s Lot (s Senkblei) | pend-plumbo (vertikalilo) | lodo, vertikalilo | lodo* | olovnice |
| 51 | r Maurerbleistift | masonista krajono | masonista krajono | masonista krajono | zednická tužka |
| 52 | e Maurerkelle | trulo | trulo | trulo | zednická lžíce |
| 53 | r Maurerhammer | masonista martelo | masonista martelo | masonista martelo | zednické kladivo |
| 54 | r Schlägel | martelego (pez-martelo) | lignomartelo | martel[eg]o | palice |
| 55 | e Wasserwaage | masonista nivelilo (bobel-nivelilo) | bobela nivelilo | bobelnivelilo | vodováha |
| 56 | e Glättkelle, Glätter | glatiga trulo | glatiga trulo | glatigilo | hladítko |
| 57 | s Reibebrett | frot-tabulo | frottabulo | [puc]frotilo | stíradlo |
| **---** | **e Mauerverbände** | **interligaj brik-aranĝoj** | **brikaranĝoj** | **masonligoj** | **vazby zdiva** |
| 58 | r NF-Ziegelstein (r Normalformat-Ziegelstein) | ordinara briko | NF-briko (nor-malformata briko) | norma briko | cihla základního formátu |
| 59 | r Läuferverband | laŭlonga brikaranĝo | laŭlonga brikaranĝo | laŭlonga masonligo | běhounová vazba |
| 60 | r Binderverband | laŭlarĝa brikaranĝo | laŭlarĝa brikaranĝo | laŭlarĝa masonligo | vazáková vazba |
| 61 | e Abtreppung | ŝtupa mur-fino | ŝtupa murfino | ŝtupa murfiniĝo | odstupňování |
| 62 | r Blockverband | bloka brik-aranĝo | bloka brikaranĝo | alterna masonligo | polokřížová vazba |
| 63 | e Läuferschicht | laŭlonga brik-vico | laŭlonga brikaro | longbrika tavolo | běhounová vrstva |
| 64 | e Binderschicht (e Streckerschicht) | laŭlarĝa brik-vico | laŭlarĝa brikaro | kverbrika tavolo | vazáková vrstva |
| 65 | r Kreuzverband | kruca brik-aranĝo | kruca brikaranĝo | kruca masonligo | křížová vazba |
| 66 | r Schornsteinver-band | kamentuba brik-aranĝo | kamentuba brika-ranĝo | kamentuba mason-ligo | vazba komínu |
| 67 | e erste Schicht | unua tavolo | unua tavolo | unua tavolo | lichá (první) vrstva |
| 68 | e zweite Schicht | dua tavolo | dua tavolo | dua tavolo | sudá (druhá) vrstva |
| **---** | **e Baugrube** | **konstru-fosaĵo (kel-fosaĵo)** | **konstrukavo, kel-kavo** | **konstru-fosaĵo** | **stavební jáma** |
| 69 | e Schnurgerüstecke | profil-tabulo | lodmuntaĵo | angula ŝnurstablo | rohová lavička |
| 70 | s Schnurkreuz | ŝnur-kruco | ŝnurkruco | ŝnurkruco | křížení šňůr |

| | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|
| 71 | s Lot | pend-plumbo | lodo, vertikalilo | lodo* | olovnice |
| 72 | e Böschung | fosaĵ-rando | taluso | [fos]deklivo* | svah |
| 73 | e obere Saumdiele | supra rand-dilo | supra randilo | supra bordera dilo | horní krajnice |
| 74 | e untere Saumdiele | malsupra rand-dilo | malsupra randilo | suba bordera dilo | dolní krajnice |
| 75 | r Fundamentgraben | fundamenta tranĉeo | grundmura foso | fundamenta tranĉeo | základová rýha |
| 76 | r Erdarbeiter | fos[-labor]isto | foslaboristo | foslaboristo | dělník na zemní práce (kopáč) |
| 77 | s Förderband | transport-bendo | transportbendo | transportbendo | dopravní pás |
| 78 | r Erdaushub | elfosita tero | elfosita tero | elfosita tero | vykopaná zemina |
| 79 | r Bohlenweg | ligno-tegita vojo | tabulvojo | dila vojo | chodník z fošen |
| 80 | r Baumschutz | arbo-ŝirmilo | arboŝirma krado | arboŝirmilo | ochrana stromu |
| 81 | r Löffelbagger | elkavigadoro (fosmaŝino) | fosmaŝino | ŝovela kavatoro | lopatové rýpadlo |
| 82 | r Tieflöffel | elkavigilo (fosilego) | profundfosa fosilego | subfosa ŝovelilo | hloubková lžíce |
| **---** | **e Verputzarbeiten** | **stukado** | **stukado** | **pucistaj laboroj** | **omítkářské práce** |
| 83 | r Putzer | stukisto | stukisto | pucisto* | omítkář |
| 84 | r Mörtel\|kübel, ~trog | morter-trogo | mortertrogo | morter\|trogo, ~ujo | truhlík na maltu, kalfas |
| 85 | s Wurfsieb | kribrilo | kribrilo | traĵeta kribrilo | prohazovačka |
| **---** | **s Leitergerüst** | **eskala skafaldo** | **eskala skafaldo aŭ antaŭtrabaĵo** | **eskala skafaldo** | **žebříkové lešení** |
| 86 | e Standleiter | portanta eskalo | eskalo | fiksa eskalo | lešeňový žebřík |
| 87 | r Belag | skafalda planko < tabul-platformo | skafaldoplanko | [skafalda] planko | podlaha |
| 88 | e Kreuzstrebe, n Andreaskreuz | ŝtrebo (kontraŭ-apogilo) | ŝtrebo, kontraŭapogilo | kruca ventoŝtrebo, Andreokruco | křížové zavětrování, Ondřejův kříž |
| 89 | e Zwischenlatte | gard-relo | sekurlato, gardrelo | gardorelo | zábradlí |
| 90 | e Schutzwand | ŝirm-krado | ŝirmkurteno | ŝirma vando | ochranná stěna |
| 91 | r Seilrollenaufzug | pulia ŝarĝ-levilo | pulia levilo | [ŝnur]pulia levilo | kladka |

Notoj: * Termino traktita en *Betonista terminaro* aŭ en *Konstru-Forumo*. – ** Neologismo, nova propono. Pri longverso kaj traverso mi informos vin en KF 24.

**Rezonado de WE celanta al nocie klara – neambigua – kompreno de la aferoj:**

**N-roj 8, 15, 40, 58**. Estas necese klare distingi bakitan ceramikan brikon disde nebakita masonbloko, kiu estas fabrikita el iuspeca betono. Betona bloko ne estu nomata briko. La germana nomo *Ziegel* ĉiam signifas ceramikan produkton, sed la germana lingvo por ĝi uzas ankaŭ *Ziegelstein* kaj *Stein* (ŝtono) – n-roj 8, 58. La n-roj 15 kaj 40 ne prezentas ceramikaĵon, brikon, sed betonan blokon por masonado de muroj. Sed nomi ĝin betonbloko laŭ PIV (p. 161) ne estas konvene, ĉar betonaj blokoj estas diverscelaj, ni do nomu ilin «masonblokoj», blokoj destinitaj sole por masonado.

**N-roj 24, 27, 29, 41, 45, 89**. Estas utile klare diferencigi la nocian kampon de segitaj lignaj produktoj, sen tiu faro ne estas eble interkompreniĝi ekz. pri la signifo de „tabulo“, kiu estas grave polisemia, ampleksanta objektojn kun dominanta dimensio de longo kaj objektojn kun dominanta dudimensia areo. Mi ĉi tie prezentas la difinojn de breto, dilo, lato, stango, ŝpalo, tabulo:

**breto** – tabula segligno, sege borderita aŭ ne (*square-edged*), kies larĝo estas pli granda ol la duoblo de ties diko. La dikeco estas en la limoj 13 ĝis 35 mm. Ekvivalentoj: (de) *Brett*, (en) *board (timber)*, (fr) *planche*, (ru) *доска*, (pl) *deska*, (cs) *prkno*. En PIV (p. 172) estas breto difinita pli vaste ol nia segligna „breto“, sed la danĝero de miskompreno estas negrava, multe pli malgranda ol ĉe la ambigua „tabulo“.

**dilo** – tabula segligno, sege borderita aŭ ne, ĝia larĝo estas pli granda ol la duoblo de ties diko; la dikeco de diloj estas en la limoj 40 ĝis 100 mm.

**lato** – etprofila segligno, kies profilo ampleksas 10 ĝis 25 $cm^2$. Se la profilo estas pli granda, temas pri breto aŭ stango, se malpli granda, temas pri listelo.

**relo** – krom la fervoja relo (PIV 2) la nocio esprimas longan stangon kun la sama difinita profilo laŭ sia tuta longo (t.e. laŭ PIV 1); niakaze ĝi estas uzebla por „gardorelo“, eĉ se ĝi estas breto aŭ ŝtala tubo.

**stango** – (laŭ PIV) ĉiaspeca, multe pli longa ol dika, peco el ligno, metalo ks. Referencoj al: fosto, lato, masto, paliso, trabo, vergo. – **WE** aldonas: Profilo de stango povas varii. Lignaj stangoj plej ofte estas

profile ortangulaj, ŝtalaj stangoj havas la bazan profilon rondan, ortangulan kvadratan aŭ oblongan, ankaŭ bendan, seseĝan, okeĝan, ankaŭ duonrondan; specialaj ŝtalaj stango-profiloj estas malfermitaj (angulaj, I, U, T, betonistaj, fervoj-relaj) kaj fermitaj (diversprofilaj tuboj).

**ŝpalo** – konsistiga elemento de fervoja trako destinita por porti relojn kaj tiel servi por fikse teni la trakŝpuron kaj transporti radaksan ŝarĝon al la traka kuŝejo. Krome la termino aperas analogie laŭ nia pritrakto en KF 1-3 el la jaro 2005.

**tabulo** – (laŭ PIV, signifo 2; p. 1128) unu el tiaj pecoj (laŭ la signifo 1) sola aŭ kunmetita kun aliaj, por formi ebenan platon, regulan surfacon: *desegna tabulo, tabulo de tablo, lerneja nigra tabulo, tabulo por gladi* k.s. – **WE**: En konstrufako ekzistas diversaj materialoj formitaj kiel tabuloj: kovraj, izolaj, dekoraj k.a. Por la signifo PIV 1 estas necese havi alian terminon, mi proponas „breton" laŭ la germana *Brett*, kiu en Esperanto estas difinita pli vaste (vidu PIV, p. 172), sed ne eksklude rilate al nia koncepto.

**N-ro 12**. Estas vere, ke „sojlo" estas aplikebla, sed pro ĝia polisemieco konvenas pli, ankaŭ pro la reala formo, la nomo „breto", kiun uzis la aŭtoroj de PIV: fenestra breto.

**N-roj 25, 88**. Pro la funkcio de la objekto nepre ne sufiĉas nomi ĝin nur ŝtrebo aŭ kontraŭapogilo. Ĝi efikas stabilige precipe kontraŭ la efiko de vento (*Windstrebe*!). Ĝi estas „ventoŝtrebo".

**N-roj 59, 60, 62, 65, 66**. La esprimon „aranĝo" por la ligo de masonaĵo proponis R. Eichholz kaj diferencigis esperantan terminon disde ĉiuj terminoj nacilingvaj, kiuj esprimas „ligon" (*bond, Verband, appareil, liaison, кладка, перевязка, wiązanie, vazba* k.a.) kaj „masonaĵon", ne eksplicite brikojn. Mi do proponas la terminon „masonligo", ligata estas la masonaĵo (ligo koneksa al masonaĵo).

## Postskribo al la 23-a KF-letero

Antaŭ ol mi resumos la taskojn por via „solvado de termin-vakaĵoj", mi esprimos mian imagon lige al strategio nia kaj de nia movado entute. Mi partoprenas kaj observas la Esperanto-movadon jam dum jardekoj kaj konstatas, ke ĝi estas tro izolita kaj tial neperspektiva. Ne pro la ideo, kiu estas nobla kaj promesplena. Sed pro la konduto de la movadanoj. Por ilia homa kontententiĝo sufiĉas (plej ofte) nur la baza scipovo de la lingvo kaj okazoj por amikiĝi en tiu kolektivo. Ili ne interesiĝas pri la lingvo mem, pri ĝia teorio, evoluo, literaturo, historio, nek pri ĝia faka aplikado.

Kiam mi klopodis arigi samideanojn por kolektive trakti la problemaron de la faka apliko, enlande kaj eksterlande, ĉiam mi trovadis precipe kolegojn fakulojn, kiuj preferis lokan klubisman kunvenadon kaj babiladon kaj/aŭ internacian kongresadon, sed kutime ili ne estis komplezaj dediĉi iom da tempo por studi la lingvon, terminologion kaj sisteme trakti la koneksajn problemojn almenaŭ parte profesiece. Miaj personaj spertoj: La Terminologia Esperanto-Centro komence de la 1990-aj jaroj ĉesis aktivi (i.a. pro likvida paŝo flanke de UEA). ISAE post la forpaso de Rüdiger Eichholz ne renovigis sian Terminologian Centron kaj la estraro sin montras nekapabla agi por savi sian iaman reputacion (organizan, sciencan, faklingvan). Mia provo eduki junajn terminologojn fiaskis, kiam ili trovis, ke estas necese la fakon studi. Instige alparolitaj fakdelegitoj de UEA por konstruado kaj arĥitekturo eĉ ne sentis bezonon ĝentile respondi. En Ĉeĥio mi konas kelkajn konstru-inĝenierojn kaj arĥitektojn esperantistojn, kiuj prefere agas en la lokaj kluboj kaj ne bonvolas „perdi" tempon por la faka agado.

Kiu el vi estas interesita pri la situacio, bonvolu informi min pri via taksado de la nuntempa stato kaj pri via imago de strategia elpaŝo (en sociologia senco). La temon mi enmetas, ĉar mi deziras, ke ni komune konsciiĝu pri utilo de nia diskutado, kvankam nur sur eta segmento de la vasta temo pri la Zamenhofa «lingvo internacia». Miaopinie estas utile debati kaj solvi eĉ aferojn subtilajn kaj bagatelajn, ŝajne sensignifajn el la vidpunkto vere pansofia.

**Solvotaj taskoj – respondotaj antaŭ la fino de aŭgusto 2010:**

1. Esprimu vin pri eksterprograma (socie strategia) situacio de konstrufaka lingvo kadre de Esperanto. Konsciu, ke en nia forumo ne estas reprezentitaj denaskaj parolantoj angla, germana, hispana, kio malutilas al nia objektiveco en juĝa terminologia konsiderado. Kiel allogi ili?
2. Nepre en julio sendu al J. Werner vian artikolon por la Jarkolekto de TAKE 2010.
3. Pristudu la novajn temojn 34 kaj 35 en la rubriko „Ni solvas termin-vakaĵojn", esprimu vin pri la ŝaktominejaj terminoj, en la temo 35 informu min, kiun terminon vi preferas indikante ĝin per la numero de la bildkomplekso 271, per la koneksa numero en la maldekstra kolumno kaj aldonu la nomon (Eichholz, Horváth, Werner, resp. diru, ke temas pri via propono), ekzemple: 271/7, 12, 68 Eichholz; 271/10, 53, 70 Horváth; 271/54 ktp. Werner; miaj proponoj por: 271/48 (…), 58 (…).

→ Mi deziras al vi agrablan someran tempon, pasantan profite por via sano kaj ĝenerala bonfarto! ←

Brno 2010-07-08 *Jan Werner*